## *HISPANA LIRIKO*

*JUAN DE TIMONEDA (1490-1583) naskiĝis en Valencia. Kun Lope de Rueda, Timoneda estas unu el la patroj de la hispana teatro, kaj ankaŭ aŭtoro de tre spritaj rakontoj kaj de delikataj poemoj. Distingiĝis same kiel libristo, dediĉante sian kulturon kaj sian kapitalon al la presado de plej interesaj libroj. Unu el liaj ĉarmaj poemoj estas*



*Tempo tro rapidas*

Tempo tro rapidas, panjo,
do mi diras sen skrupul':
sola, mi ne dormos plu.

Kiel saĝa junulino,
ĝui junon mi aspiras,
certe ankaŭ vi deziras,
ke ne velku mia sino.
Jes, ripetos mi sen fino
kion mi jam diras nun:
sola, mi ne dormos plu.

Iu viro min tre amas,
volas esti al mi sklava.
Mi aspektas ne senrava,
en la lito baldaŭ flamas.
Mankas io? Io lamas?
Diru, mankas io? Ĉu?
Sola, mi ne dormos plu.

Ne 'stas mi negrino kruda
ignorata de Amoro,
sed knabino kiel floro,
bela kiel perlo nuda.
Sola dormu damo pruda
pro principo, sen plezur'.
Sola, mi ne dormos plu.

Mia korpo estas bela,
tion montras miaj kruroj,
la mieno, la femuroj,
la lanuga karno hela.
Panjo, longas tro, sencela,
nokto sen virobrakum'.
Sola, mi ne dormos plu.

Mankas al virin' trankvilo,
kiam ŝi dum nokto solas;
viron ĉiu damo volas
sub la sama lit-kovrilo.
Mankas ploro, mankas trilo
al virino sen parul'.
sola, mi ne dormos plu.

Tradukis: *F. de Diego*

---

Kiam la vizitanto adiaŭas la urbon, li trapasas la romanan ponton sur la rivero Tormes kaj se li rigardas malantaŭen, li vidos ankoraŭ la plej belan vidaĵon de la urbo: La silueton de ĝiaj Katedraloj. Kiam la suno brilas, ĝi ornamas la ŝtonojn de ĝiaj turoj. La ŝtono de Salamanca, mola, ĵus trancita el la minejo, akiras en la tempodaŭro tiun varman koloron de malnova oro pri kiu parolis Miguel de Unamuno dirante ke Salamanca havas iom da magio kaj iom da legendo.

*M. R. Urueña*

## CUENTA DE

*COBROS*

| | | |
|---|---|---|
| Saldo en 1-I-1973 | | 91.728,11 |
| Cuotas de 1972 | | 10.040,— |
| Cuotas de 1973 | | 65.560,— |
| Reembolsos 1973 (cuota más gastos) | | 42.504,— |
| Cuotas anticipadas de 1974 | | 5.790,— |
| Donativos 1973 | | 7.231,— |
| Cuotas Dumviva Membroj 1973 | | 20.000,— |
| Donativos para 1974 | | 730,— |
| *Congreso de Madrid* | | 1.281,— |
| Saldo a favor | 1.081,— | |
| Derechos de examen | 200,— | |
| Alumnos curso H.E.F. | | 1.900,— |
| Venta material Congreso | | 476,— |
| Venta Boletines | | 425,— |
| Intereses c/c Banco Español de Crédito | | 141,80 |
| Intereses c/c Banco de Santander | | 208,— |
| Donativos F.A.L.P. (255.500 — 156.000) | | 99.500,— |
| | | 347.514,91 |

## BALANCE DE SITUACION

| | | |
|---|---|---|
| *DISPONIBLE* | | 64.872,33 |
| Caja y Bancos. | | |
| *REALIZABLE* | | 86.055,— |
| Libro Servo. | | |
| *MATERIAL CONSUMIBLE* | | 7.650,— |
| Tarjetas, Cartas, Sobres, Sellos, etc. | | |
| *INMOVILIZADO* | | 729.736,— |
| Local en propiedad | 692.500,— | |
| Mobiliario adquirido | 8.160,— | |
| Mobiliario donado | 20.000,— | |
| Instalación eléctrica | 3.900,— | |
| Máquina de escribir | 4.016,— | |
| Fianza U. Eléctrica | 1.160,— | |
| | | 888.313,33 |

ANGEL FIGUEROLA AUQUE
*Presidente de la Federación Española de Esperanto*

GERARDO FLORES
*Tesorero*

# TESO RERIA AÑO 1973

*PAGOS*

| | | |
|---|---|---|
| Secretaría | | 13.513,— |
| Tesorería | | 3.857,50 |
| Imprenta Boloix | | 85.999,— |
| *Pagos pendientes en 1-I-1973* | | 9.511,— |
| Remesa boletín 1972 | 1.246,— | |
| Mat. propaganda E-Fako 1972 | 3.665,— | |
| Cuota U.E.A. 1972 | 4.600,— | |
| Gastos remesa boletín 1973 | | 6.838,60 |
| Heroldo y Monda lingvo problemo | | 830,— |
| *Gastos local y oficina* | | 17.530,— |
| Comunidad | 8.200,— | |
| Teléfono | 3.562,— | |
| Portero | 1.200,— | |
| Luz | 2.523,— | |
| Limpieza oficina | 1.000,— | |
| Varios | 1.045,— | |
| Gastos bancarios | | 147,90 |
| 8 sillas (salón conferencias) | | 1.760,— |
| *Local de Secretaría* | | 142.655,58 |
| L/ vto. 1-V-73 | 35.000,— | |
| Hipoteca (dos semestres) | 14.355,58 | |
| 12 efectos de 7.775,— Ptas. | 93.300,— | |
| | | 282.642,58 |
| *Saldo a cuenta nueva* | | 64.872,33 |
| | | 347.514,91 |

# EN 31 DE DICIEMBRE DE 1973

| | | |
|---|---|---|
| *EXIGIBLE* | | 340.374,94 |
| Efectos a pagar compra local | 264.350,— | |
| Hipoteca local | 76.024,94 | |
| *GASTOS A PAGAR* | | 31.847,— |
| Mat. propaganda E-Fako | 6.166,— | |
| Fact. Boloix (Bol. Noviembre-Diciembre 1973) | 19.445,— | |
| Cuota U.E.A. 1973 | 4.800,— | |
| Gastos remesa Boletín | 1.436,— | |
| *FUNCIONAMIENTO* | | 6.520,— |
| Cuotas 1974 (cobradas 1973) | 5.790,— | |
| Donativos 1974 (cobrados 1973) | 730,— | |
| *PATRIMONIO EN 31 DICIEMBRE 1973* | | 509.571,39 |
| Saldo en 31-XII-72 | 411.900,22 | |
| Excedente año 1973 | 97.671,17 | |
| | | 888.313,33 |

# CUENTA DE RESULTADOS AÑO 1973

*INGRESOS*

| | | |
|---|---|---|
| Cuotas de 1972 | | 10.040,— |
| Cuotas de 1973 | | 72.850,— |
| Cobradas 1972 | 7.290,— | |
| Cobradas 1973 | 65.560,— | |
| Reembolsos 1973 (cuota más gastos) | | 42.504,— |
| Donativos 1973 | | 7.231,— |
| Cuotas Dumvivaj Membroj 1973 | | 20.000,— |
| Congreso Madrid (excedente y derechos de examen) | | 1.281,— |
| Alumnos curso H.E.F. | | 1.900,— |
| Venta boletines | | 425,— |
| Venta material Congresos | | 476,— |
| Intereses c/c Banco Español de Crédito | | 141,80 |
| Intereses c/c Banco de Santander | | 208,— |
| Donativos F.A.L.P. | | 99.500,— |
| Beneficio Venta Libros | | 4.579,— |
| *Suman los ingresos* | | 261.135,80 |

*GASTOS*

| | | |
|---|---|---|
| Secretaría y Tesorería | | 12.920,50 |
| Valor material 1-I-73 | 3.200,— | |
| Gastos, compras 1973 | 17.370.50 | |
| | 20.570,50 | |
| Valor material 31-XII-73 | 7.650,— | |
| Consumido durante 1973 | 12.920,50 | |
| Imprenta Boloix | | 85.999,— |
| Gastos remesa Boletín | | 6.838,60 |
| Heroldo y Monda Lingvo Problemo | | 830,— |
| Gastos local y oficina | | 17.530,— |
| Gastos bancarios | | 147,90 |
| Pendientes de pago | | 31.847,— |
| Mat. propaganda E-Fako | 6.166,— | |
| Fra. Boloix (Bol. Noviembre-Diciembre) | 19.445,— | |
| Cuota U.E.A. 1973 | 4.800,— | |
| Gastos remesa boletín | 1.436,— | |
| Intereses hipoteca local | | 7.351,63 |
| *Suman los gastos* | | 163.464,63 |
| *Excedente* | | 97.671,17 |

ANGEL FIGUEROLA AUQUE
*Presidente de la Federación Española de Esperanto*

GERARDO FLORES
*Tesorero*

# RAPORTO PRI LA POSTKONGRESO DE I. F. E. F. OKAZINTA EN CALELLA DE LA COSTA

Ekde la 18a ĝis la 21a Majo 1974



Grupo da partoprenantoj en la Postcongreso

Pere de nia H.E.F.-a Bulteno, intencas mi sciigi ĉiujn interesatojn pri la diversaj okazintaĵoj, okaze de la I.F.E.F.-a Postkongreso en Calella. Mi priskribos, laŭde, la diversajn aktojn kaj ekskursojn.

*18an. de Majo: Sabate;* Je la oka, matene, tuj post la tagiĝo kaj akurate, beninda akurateco! per speciala trajno, translokiĝis ĉiuj la Kongresanoj en Barcelonon, kien ni alvenis je la deka matene.

Tuj poste, oni adiaŭis fare de la postkongresanoj, la aliajn gesamideanojn kiuj ne eblas partopreni la Postkongreson en Calella, kaj oni komencas la Postkongreson per tuttaga ekskurso tra Barcelono, vizitante la plej elstarajn vidindaĵojn de la Urbego.

Nia unua vizito estis al la Fervojista Muzeo kiu situas en la sama Stacidomo kie ni eltrajniĝis, kaj tuj poste la 180 postkongresanoj enaŭtobusiĝis en antaŭmenditajn aŭtobusojn por viziti la urbodomon, kie ĉiuj admiris la belajn kaj imponajn brunruĝajn pentraĵojn de Sert, kaj la egan, solenan kaj klasikaj salonon de l' "Tinell".

Samideano Pedro Nuez el Barcelono, klarigis per sia majstre regata esperanta lingvo, la sciindaĵojn pri la Urbodomo, ĉu artajn, ĉu historiajn. Ĉe apuda trinkejo, S-ro Nuez, regalis nin ĉiujn, per tipa dolĉa hispana pokalo da vino, kiun ni senescepte el trinkis tutgorĝe, ĉar pro la tiutaga varmego, ni sentis nin tiam, vere kaj ege soifantaj.

Ree per aŭtobuso, ni veturis en la faman "Tibidabo" monteton, kie okazis pikniko, kiun ni nepre bezonis, ĉar ĉiuj estis malsataj. Post ripariga, surmonta manĝado, oni vizitis la mirindan templon de la Sankta Familio, ekkonstruitan antaŭ unu jarcento kaj ankoraŭ nefinita. Ĝia mirinda fasado forte impresis ĉiujn, pro ĝia beleco, svelteco, kaj nekutima stilo; la tutmonde fama konstrustilo de Antonio Gaudi, elstara kataluna Arĥitekto.

La lasta ekskursa vizito okazis ĉe la tiel nomita "Hispana Vilaĝo", situanta sur la supraĵo de la monteto "Montjuich" (Monto de la judoj). Tiu "Hispana Vilaĝo", unika ĝiaspece konstruaĵo, enhavas, laŭskale reproduktitan, unu el la plej elstaraj domoj el ĉiu el la provincoj hispanaj, kaj tiaj konstruaĵoj ordigitaj laŭstrate, konsistigas belan kaj vizitindan vilaĝon, el kiu oni povas eltiri ideon pri la tuta Hispanio.

Post tiu vizito, ni forlasis "Hispanan Vilaĝon", por vespermanĝi en la turo nomita "San Sebastián" (Sankta Stefano), situanta ĉe la haveno mem 120 metrojn alta. Bela kaj vasta restoracio sur la supraĵo de la fera konstruaĵo, kie ni ĉiuj vespermanĝis en frata kaj samideana etoso. Oni babilis, manĝis, tostis, trinkis kaj ridis feliĉe.

Post vespermanĝo, je la deka, oni la urbon rondiris kaj niaj aŭtobusoj startis la lastan veturadon, cele al la urbo de la Postkongreso Calella de la Costa, kiun ni atingis je la 11ª de la nokto.

Du hoteloj "Catalonia" kaj "Santa Fe" estis antaŭmenditaj por akcepti la verdstelajn geportantojn, kaj tie ili tranoktis sian unuan nokton en Calella, por ripozigi siajn lacajn korpojn.



Amika rondo. Dum la klaso de Esp. interaciaj gastoj vizitis la Klubon de Calella. Unuaj en la vicoj sidas P. Claramunt kaj Sro. de Valois.

*19an. de Majo: Dimanĉe;* Je la 10'30, okazis ekumena Diservo, ĉe la "Piaj Lernejoj" kaj sinsekve salutkunveno en la Salono de la sama kolegio. Pastro Claramunt mesoferis kaj predikis esperantlingve Dum la Meso, kantis la Grupo de Kantistoj, esperantlingve kaj katalune. Protokolis samideano Alberich el Barcelono kaj salutis unue P. Claramunt kaj S-ro De Valois, nome de la Grupo esperantista de Calella. Prezidis Sro. Ten, Vicurbestro de Calella, S-no Walter el Germanujo, S-no Puig, Prezidanto de esperanta movado en Sabadell kaj Pastro Claramunt, Prezidanto de esperanto-grupo el Calella.

Sinsekve, la diversaj reprezentantoj kaj delegitoj alilandaj salutis la ĉeestantaron nome de siaj respektivaj lokaj kaj naciaj grupoj.

Oni inaŭguris la kunvenon per komuna kantado de la Himno, kaj poste la grupo de kantistoj de la "Piaj Lernejoj", interpretis diversajn kantaĵojn, inter la salutojn diverslandaj. Oni kantis "La Tagiĝon"; eŭropan himnon de la paco, ŭntitolita "Tuj la pordoj malfermiĝos", laŭ muziko eltirita el la naŭa Simfonio de Von Beethoven, kaj tipan katalunan "Sardana", akompanate fortepiane de S-no De Valois.

Tuj poste, ĉiuj piediris por la inaŭguro de la nova "Strato ESPERANTO", kiun prezidis lia vicurbestra Moŝto S-ro Ten, nome de la urbestro Sro. Llobet. Esperantistoj restas tre dankemaj, pro lia helpo kaj simpatio al nia movado. Inaŭguraj vortoj, estis alparolitaj esperantlingve de S-ro Ten, per tre korekta kaj klara prononcado, komprenebla al ĉiuj, kiuj tondre aplaŭdis, ĵus finita la inaŭguro.

Je la dua, posttagmeze okazis frata kunmanĝado kun ĉeesto de multenombraj katalunaj samideanoj kiuj nin akompanis kore, okaze de la inaŭguro de la "Strato Esperanto" kaj por profiti okazon saluti persone tiom da diverslandaj gesamideanoj.

Post la tagmanĝo, S-ro Ten, hotelestro de "Catalonia", metis je nia dispono, dum la tuta vespero, la suban dancsalonon de la Hotelo, kie oni lotumis diversajn donacojn de la membroj esperantistaj de Calella, kaj samtempe oni trinkis kaj dancis ĝis la sunsubiro.

*20an. de Majo: Lunde;* Post libera mateno, posttagmeze, ĉiuj enaŭtobusiĝis kaj veturis al Lloret de Mar, fama turista urbo, kaj al Blanes, kie oni vizitis mirindan botanikan ĝardenon, kiu ege plaĉis al ĉiuj. Vespere je la deka, esperanta anaro iris en noktan kabaredon por ĉeesti tipan "flamenko-dancadon" kaj samtempe danci, kion tre ĝoje kaj gaje faris ĉiuj geesperantistoj, ĝis la dua, matene.

*21an. de Majo: Marde;* Tuj kiam sunleviĝis, ĉiuj ellitiĝis akurate, ĉar hodiaŭa tago estas destinita por tuttaga perŝipa ekskurso. Bela vetero, brila kaj iomete bruliga suno, trankvila la surfaco de la maro kaj ebena kvazaŭ stratpavimo, akompanis nin la tutan tagon.

Surmara ekskurso ege agrabla kaj neforgesebla!

Laŭlonge de "Ora kaj Klifa Marbordo", ni vizitis Tossa de Mar, antikva romia vilaĝo, ornamita de svelta kastelo situanta sur la pinto de suda monteto ĉe la eniro mem de la haveno. En tiu-ĉi vilaĝo ni ripozis dum tri horoj por baniĝi, promeni, suvenirojn aĉeti kaj tagmanĝi laŭmende.

Post la tagmanĝo ĉiuj akurate enŝipiĝis ree, por daŭrigi nian perŝipan ekskurson ĝis San Feliu de Guixols, el kie ni reveturis en Calellan, kiun ni atingis je la sepa posttagmeze.

Dum la perŝipa reveno en la postkongresan urbon, oni fermis oficiale la Postkongreson, kvankam la lasta adiaŭo samideana, okazis ĉe la Hotelo Santa Fe, kie post vespermanĝo, ĉiuj ree kuniĝis por interfrata kaj lasta manpremo adiaŭa. Oni interparolis kaj oni ronde dancis kaj akompanate de fortepiano oni kantis la Himnon "La Espero" kaj aliajn esperantajn kantaĵojn.

Adiaŭaj vortoj, finaj salutoj, ĉirkaŭbrakadoj samideanaj, bondezirenhavantaj vortoj fare de ĉiuj al ĉiuj kaj laste:

BONAN VOJAĜON AL ĈIUJ, EN ILIAN PATROLANDON.

Ĝis la revido, karaj gesamideanoj!

*Félix de Valois*

Calella la 24an de Majo de 1974.

---

## REVUO DE LA REVUOJ

Diras INTERLINGVISTIKA INFORMA SERVO, n.º 1, 1974: "La angla havas en Eŭropo, Nordameriko, Australio kaj partoj de Azio kaj Afriko ankaŭ supernacian signifon. Ĝi eĉ estas por elitaj grupoj de la tuta mondo, t. e. incluzive de Sovetio kaj Ĉinio, monda lingvo, nur ĝi ne povas fariĝi tia pro la prestiĝaj ambicioj de ĉiuj grandaj lingvoj. Do la angla principe daŭros esti mondregiona lingvo. Tio signifas ke la plano enkonduki Esperanton kiel lingvon de Eŭropo devas renkonti la fortan reziston de la jam establita kaj pli kaj pli solidiĝanta angla lingvo. Ni opinias, ke tamen utilas plu pledi por Esperanto en Eŭropo, sed ĉiam samtempe akcenti ĝian karakteron kaj pretendon kiel monda lingvo. Ni devos koncedi, ke ni certe ne venkos pro propra forto, sed nur pro la interĵaluzoj de la aliaj. Kun la racio de la homoj oni apenaŭ povos kalkuli. Ekkoni tiun situacion kaj el ĝi ĝuste profiti estus la tasko de lerta Esperanto-politiko".

Solidaj, saĝaj vortoj. Sed la tubero en la afero kuŝas en tio, ke ankaŭ ni, esperantistoj, estas homoj, kun kies racio same oni apenaŭ povas kalkuli. Kiel ni povus venki pro la interĵaluzoj de la aliaj, se ni mem ne kapablas prezenti unuecan fronton, kaj nia preferata ludo estas kvereli, disputi, bruadi inter ni kaj fari grupojn, grupetojn kaj frakciojn interne de niaj anemiaj vicoj? Ĉu vi volas pruvon? Daŭrigi la legadon...

* * *

Kiam mi razas min antaŭ la spegulo, mi scivole-timeme observas, ĉu mi jam komencas transformiĝi en bavantan hundon. En SAT-AMIKARO, n.º 297, junio 1974, la *Komitato de Sat-Amikaro* sub la titolo *Pri iu bulteno* asertas, ke "[F. de Diego] ...kuraĝe bojas kontraŭ la transpireneaj laboristoj esperantistaj dum li servutmaniere silentas pri la sennomaj okazintaĵoj de la faŝista reĝimo hispana", kaj ke "F. de Diego videble ŝatas nek nian k-don N. Barthelmess, nek lian ĵus aperitan [*tiele!*] verkon *Ne plu ludo*... Tion F. de Diego rajtas opinii, sed tra Barthelmess li videble provas atingi niajn laboristajn organizojn SAT kaj SAT-Amikaro sensukcese".

Dankon, ke mi *rajtas* opinii almenaŭ pri io!

Mi havas nenian motivon persone ŝati aŭ malŝati s-ron Barthelmess. Por mi, li estas nura abstraktaĵo. Sed lian verkon *Ne plu ludo...* mi recenzis mallaŭde (BOLETIN n.º 63, septembro-oktobro 1973), ĉar mi opinias ĝin arte

kaj lingve fuŝa kaj ideologie mucida kaj trempita en ia primitiva, sentimentalaĉa manifieismo, kiun li nomas... socialismo!

Diri, ke mi bojas "kontraŭ la transpireneaj laboristoj" kaj ke mi "provas atingi la laboristajn organizojn SAT kaj SAT-Amikaro" estas unu el la plej amuzaj kretenaĵoj, kiun mi iam legis.

Aliajn eldonojn de SAT, kiel por ekzemplo, *Infanoj de la malriĉuloj*, de J. A. Lee, mi senrezerve laŭdis kaj rekomendis rilate la enhavon kaj rilate la formon. Ĉu tiuj favoraj recenzoj estis ankaŭ "bojado kontraŭ la transpireneaj laboristoj"?

Ni estu seriozaj, estimata *Komitato de SAT-Amikaro*. Se s-ro Barthelmess ne havas verkistan talenton (kvankam mi ne dubas, ke li brilegas en aliaj fakoj) kaj se lia ideologio urĝe bezonas aktualigon, ne mi kulpas, sed li.

Alia aspekto de la artikoleto subskribita de la *Komitato de SAT-Amikaro* meritas apartan mencion. Ĝi diras: "Samdate la mondo eksciis pri la sovaĝa ekzekuto de hispana junulo, Salvador Puig Antich, laŭdire anarkiisto, mortkondamnita laŭ pruvoj certe ege 'misteraj'. Ni supozas, ke vi nenion legos pri tio en BOLETIN sub la lerta plumo de F. de Diego. Vi nur trovos kritikojn al eksterhispanaj okazintaĵoj. Tio estas pli facila!".

Ne, sinjoro, vi ne trovos tiajn novaĵojn, ĉar BOLETIN estas politike neŭtrala organo (tiaj funkcioj apartenas a la gazetaro, al la radio kaj al la televido): kaj ĝuste pro la sama motivo BOLETIN ne traktas eksterhispanajn (politikajn) okazintaĵojn. Ekzamenu la kolekton! Tio, ke la malon asertas la *Komitato*, nur montras ankoraŭfoje, kiom ĝi respektas la veron.

Nu, mi, hundo —rabia?—, servutulo, kiu, laŭ *la Komitato* neniam spertis la nedireblan feliĉon renkonti komitaton demokratie elektitan, bedaŭrinde devas meti finan punkton, ĉar mi jam bojis sufiĉe, ĉu ne?

* * *

En NORVEGA ESPERANTISTO, n.º 2, 1974, aperas la jena anonceto: "28-jara ministro deziras korespondi kun norvegaj familioj. Beleznai Janos, Gyori u 16, Tatabanye, Hungarujo".

Vere brila junulo, jam ministro en sia 28-jara aĝo! Sed mi suspektas, ke temas pri unu el tiuj "ministroj", kiuj elfosas karbon...

* * *

Pri la lokaj societoj Esperantaj aperis interesa komento en REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO - FRANCA ESPERANTISTO, n.º 285, aprilo 1974: "Nu, eble la plej grava bezono de la Movado kuŝas nuntempe en la vivo de la grupoj, tro ofte kadukiĝantaj: necesas redoni al ties membroj la konscion, ke ili konsistigas la kernojn de la varbado. Internacia kaj naciaj, la administraciaj centroj povas faciligi sed neniel anstataŭi la nemalhaveblan rolon de la lokaj societoj. La nacia asocio, influante la nacian gazetaron, intervenante ĉe la naciaj institucioj, igas favora al la lingvo la publikan opinion; liverante la librojn netroveblajn en la komerco, zorgante pri la biblioteko, eldonante varbomaterialon, kunordigante prelegvojaĝojn aŭ organizante migran ekspozicion, per siaj servoj ĝi certe helpas la surlokan agadon. Sed eĉ ĉio ĉi restus senvalora, se la lokaj grupoj ne povus certigi surlokajn kursojn kaj regulajn ĉiusemajnajn kunvenojn, unuvorte la sociajn rilatojn, kiuj solaj kapablas ne nur alligi sed precipe aktivigi la membrojn".

Eble nun la inflacio, la benzino multekosta, la mizeriĝo de la ekonomiaj cirkonstancoj puŝos denove multajn esperantistojn rifuĝi en la neelspeziga saloneto de la loka grupo. Eble ni eltrovos, ke Esperanto estas ankaŭ fidinda termometro pri la ekonomia situacio de la popoloj. Ju pli prosperaj la lokaj grupoj, des malpli kontentiga la financa stato de la lando. Ĉu eble la finan venkon de la lingvo de la hebreo Zamenhof ni ŝuldos al la neintencita kunlaborado de la araba petrol-politiko?

Kun plej koraj salutoj, ĝis la proksima revu-rikolto,

*F. de Diego*

## *Ni legis por vi...*

LA ARBO DE LA SCIADO, de Pío Baroja. El la hispana tradukita de Fernando de Diego. Aŭtoro —kaj verko— prezento de Juan Régulo Pérez. Tiu ĉi eldono celas kunmemori en Esperanto la centjaran naskiĝdatrevenon de la plej granda romanisto de la 20-a jarcento. 16 × 22 cm. 256 (4 eksterteksta j + XX + 232) paĝoj. Prezo 260 pesetoj.

Eldono de J. Régulo Pérez, sub marko STAFETO.

**Estas absolute evidente, ke ni troviĝas antaŭ plensignifa romano, laŭ diversaj kaj riĉaj aspektoj, kiujn ni, kore sinceraj, ne povas preterlasi en la okazo fari recenzan konsideradon kaj, vole-nevole, primediti la lecionon, kiun la verko nun, proponas al ni, per ĉi tiu skrupula versio en Esperanto.**

Estus pedante prezenti eseeton pri la personeco kaj la beletra elstaro de Pío Baroja, por tiel povi ŝveligi ĉi-tiun tekston temantan pri la mirinda traduko, kiun kulminigis Fernando de Diego. Sed ni licas atenti almenaŭ kelkajn trajtojn, jen de la aŭtoro, jen de la romano, por pli bone penetri en la kernon de la tuto.

Mi legis kun streĉa atento la absorban libron, kaj en ĉiu paragrafo mi havis plenan konscion pri la etika pensmaniero de la vaska kastili-lingva verkisto. Sed, samtempe, mi gustumadis la tiel naturan esperantan lingvaĵon, same kiel oni kapablas fari pri originala virtuoza stilo.

La filozofieca konstanto de la romano taŭgas, ĉiumomente, por ke la leganto konsciu pri vivproblemoj flagrantaj en la interna mondo de la protagonistoj. Tiuj problemoj, iom ekzistencialismaj, ne estas nuraj pretekstoj por ke la aŭtoro trudu al ni sian privatan ideologian senton. Oni povas pli-malpli identiĝi kun la pensmaniero de Baroja, kaj, konsekvence, juĝi ĝin favore aŭ ne, laŭ propra ĝenerala kriterio, sed ni devas admiri, kiel li sin konfesadis tute nature, vivigante konsekvencajn kaj koherajn personojn; kaj kiel la ĉapitroj, laŭ tre karakteriza simpla teĥniko, fluas perfekte kaj reliefigas epizodojn de nia propra enlanda historio, malkovrante, denuncante hipokritecon kaj negativajn punktojn de pruda moralo.

Ni povas, do, facile imagi, ke tiu romano estas plena je subtilaĵoj: do, ke la laboro de la tradukinto... Bone! Ĉar ni, nun, jam komencas pritrakti la taskon de F. de Diego, ni diru ke ĉiu malfacilo fontanta el la originala teksto, estis tute simple asimilita de la transkribinto, pro lia profunda lingvokapablo, ĉar li faras plej ortodoksan kreipovan ĵongladon. Ĉiu bona gustumanto aŭ frandemulo, tion suspektante, konscias pri la majstra ellaboriteco, kiu estas proponita al ni, tiel inde kaj efike. Oni perceptas neniun stumblon. Ŝajnas ke ĉio, tiele, eliris el la cerbo de la romanisto, pensante jam per la Zamenhofa idiomo.

Jen, do, tiu karakteriza laboro de F. de Diego, kiu ŝvebas, ne kiel nubo kies ombro makulas la teron, sed kiel nubo ora, kiu karakterize nuancas la pejzaĝon, do, oni ne rajtas paroli pri eraroj aŭ simplaj misoj. Ni parolu nur pri "preferoj" plenkonscie enkondukitaj, kaj, precipe, pri "neologismoj" kiuj pli kaj pli integriĝas en la komunuzan vortaron. Eble, nur pri *aperti* (malfermi), iu povas malkonsenti ĝis certa grado, konsiderante, ke la koncerna radiko, laŭ PIV, estas adjektiva kun ideo de stato, kiu ne estas rezulto de ago.

La Belliteratura Serio "Stafeto" rangas denove je granda prestiĝo pro la aranĝo de la libro kaj ties modele sobra-eleganta presado. "Stafeto" fariĝis jam, bonŝance, 20-jara, kaj tio estas plensignifa en la eldona historio de Esperantujo. Prof-ro J. Régulo solenigas ĝin per ĉi tiu titolo, kiu, inter aliaj meritplene pligloriigos la jam atingitan renomon. Kaj la eldonisto mem verkis trafan esean enkondukon, kiu situigas nin en la ĝustajn epokon kaj historian etoson de la tiel nomata hispana "Generacio de la jaro 1898-a, (kies gravaj kaj ĉefaj intelektuloj tiel perfekte kapablis bildigi tiujn krizajn jarojn) kaj portretas tre ĝuste la personecon de la fama romanisto, —kaj ankaŭ kuracisto—, kiel la ĉefrolulo de la "Arbo de la Sciado".

Oni devas tutkore gratuli kaj la tradukinton kaj la eldoniston, kaj varme rekomendi al ĉiu esperantisto la legon kaj propagandon de ĉi tiu modela verko, kaj des pli nun, kiel omaĝon al Pío Baroja, en ties centa naskiĝdatreveno.

Jen: la vivanteco kaj efiko de la Lingvo montriĝas per ĉi tiaj altkulturaj evidentaj atingoj. Sed, bedaŭrinde, la mondo tion ignoras obstine.

*G. Mora*

## ĴUS APERIS

En eldona de Hispana Esperanto-Federacio, nova dokumento de CED en hispana lingvo. Ĉifoje temas pri la Dok. CED, A/II/I

**"el problema lingüístico en las relaciones internacionales"**

Aŭtoro de la Dok. estas Prof. Dro. Ivo Lapenna. Originala titolo en Esperanto, "La lingva problemo en la internaciaj rilatoj". Broŝuro 36-paĝa, 22 × 15 cm. Prezo 15 ptoj.

---

ATENCION

A partir del día 15 del mes de julio, los servicios de Eldona Fako e información estarán cerrados hasta el día 30 de agosto.

---

# ESPERANTO EN LA PRAKTIKO

Dum la monato majo okazis la printempaj festoj en Zaragoza, dum ili en du okazoj Esperanto ludis rimarkindan rolon.

Unue kaŭze de la elekto de Internacia "Maja". La fraŭlinoj, kiuj prezentiĝas en ĉiu regiono al tiu Konkurso, krom esti belaspektaj, graciaj, ktp. devas prezenti siajn meritojn pri klereco. En Zaragoza estis elektita kiel "Maja de Aragón" nia samideanino Florinda Marqueta Siibert, kiu inter siaj meritoj pri klereco, sin prezentis kiel interpretistino, ŝi scipovas krom la hispana, la francan, anglan, kaj Esperanton. Pluraj intervjuoj aperis je tiu okazo en ĵurnaloj kaj per radio, same en Zaragoza kiel en Madrid kaj Segovia, kie oni elektis la landan reprezentantinon. Kvankam en nia lando, Esperanto estas sufiĉe konata de la informaj medioj, en ĉiuj intervjuoj, Florinda Marqueta profitis por rimarkigi la neceson de Esperanto por internaciaj rilatoj.

La 26-an de majo kunvenis en Zaragoza ĉiuj landaj reprezentantinoj por esti elektita "Maja Universal". Partoprenis la Konkurson fraŭlinoj el 39 Landoj, al kiuj akompanis ĵurnalistoj el ĉiuj landoj. F-ino Marqueta, "Maja de Aragón" rolis kiel interpretistino kaj —ni diru— por publikaj rilatoj. Bedaŭrinde, inter tiom da eksterlandanoj neniu parolis la Internacian Lingvon, nur unu, finna ĵurnalisto, aŭdis paroli pri Esperanto, okaze de artikolo aperinta en finna ĵurnalo.

## Due, Esperanto en la SPORTO

De la 18ª de majo ĝis la 2ª de junio, okazis la "II Juegos Polideportivos Inter-Clubs" organizitaj de "Centro Natación HELIOS". Ilin partoprenis 18 Kluboj en ok malsamaj sportoj, —Pilkludo, Naĝado, Korbopilko, Futbalo, "Petanca", Teniso, Atletismo kaj Pirogismo—, en ĝiaj diversaj apartaĵoj.

Pluraj el la sportistoj, kiuj partoprenas tiujn ludojn estas ne nur naciaj sportistoj, sed ankaŭ internaciaj, tial, ni antaŭvidis bonan okazon por ke Esperanto iamaniere, kunlaboru en la "II Juegos Polideportivos Inter-Clubs". La solvo venis rapide: donaci trofeon sub la nomo Esperanto. Ĝi estis bela pokalo donacita de nia samideano Carlos Boloix.

La 2-an de junio okazis bela festo por proklami la venkintojn kaj disdoni la trofeojn.

La pokalon ESPERANTO ricevis Ana Isabel GUALLAR ROMEO, vera promeso por la sporto en Aragón. Ŝi praktikas naĝadon, kaj apartenas al la "Centro de Natación HELIOS". Kvankam pro ŝia aĝo apartenas al infana kategorio, ŝi ankaŭ partoprenas en konkursoj de junulara kategorio.

Ana Isabel Guallar partoprenas en Konkursoj de la jaro 1971, kaj de tiam estas ĉampionino de Aragón laŭ diversaj stiloj. Por ne trolongigi la rilatadon de ŝiaj meritoj, mi nur diros ke en 1971 ŝi atingis la ĉampionecon de Aragón en infana kategorio en la pruvoj delfena, sur dorsa kaj libera; en 1972, ŝi partoprenis kvar regionajn Konkursojn, du el ili absolutaj, en ĉiuj ŝi atingis la ĉampionecon en diversaj pruvoj kaj stiloj; en 1973, krom partopreni en pluraj Konkursoj regionaj kaj provincaj, kaj en ĉiuj atingi la ĉampionecon en diversaj pruvoj, ŝi estis rekordulino en 26 malsamaj pruvoj, stiloj kaj kategorioj. En ĉi tiu jaro, 1974, ĝis nun ŝi estas rekordulino en 17 malsamaj pruvoj, stiloj kaj kategorioj, kaj ŝi atingis la ĉampionecon en la Vintraj Konkursoj de Aragón (absoluta).

En la "II Juegos Polideportivos Inter-Clubs de Zaragoza" oni klasifis ŝin la unuan en la pruvoj 100 m. sur dorsa, 200 m. individuaj stiloj kaj 400 m. liberaj, pro kio ŝi ricevis kiel trofeon la pokalon ESPERANTO.

Ĉar, krom esti bonega naĝistino, ŝi estas klera studentino, tutcerte, kiam ŝi partoprenos en internaciaj konkursoj, ŝi ne havos lingvajn problemojn ĉar ŝi estos jam atinginta la ĉampionecon en la scipovo de la Internacia Lingvo.



Jen la momento, kiam S-ro Víctor Ortiz Gratal, estrarano de H.E.F. de la Hispana Turisma Esperanta Sekcio kaj de «Frateco» donas la pokalon Esperanto al Ana Isabel GUALLAR ROMEO.

---

Kiel mi diras je la komenco, dum urbaj printempoj festoj, en du okazoj Esperanto ludis rimarkindan rolon. Laŭ mia opinio, multaj el tiuj personoj, kiuj tiom parolas pri Esperanto en la praktiko, povus primediti tiujn du okazaĵojn.

*Inés Gastón*




# XXXIV CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO

Valladolid 18 - 22 de Julio de 1974

## PROGRAMA PROVISIONAL

*Día 18*

Recepción de congresistas y distribución de documentaciones en la sede del Grupo Esperantista —Dos de Mayo, 4—.
18,— h. Reunión de H.E.J.S. —Salón Parroquial de San Andrés—.
"Interkona vespero" —Sala "Pax", Plaza de España—.
23,— h. Baile juvenil con elección de "Fraŭlino Esperanto".

*Día 19*

10,— h. Misa en Esperanto —Iglesia de Ntra. Sra. de la Paz, Plaza España—.
12,— h. Solemne inauguración del Congreso (Sala Borja).
16,— h. Reunión de la Directiva de la Federación Española de Esperanto con los Delegados de Grupos —Caja de Ahorros Popular—.
18,— h. Reunión de Secciones y de K.E.H.A. —Caja de Ahorros Popular—.
19,— h. Reunión informativa sobre U.E.A.
20,— h. Conferencia en Esperanto —Caja de Ahorros Provincial—.
22,— h. Concierto —Patio Herreriano—.

*Día 20*

9,— h. Visita turística a la ciudad —Salida del Grupo Esperantista—.
12,30 h. Recepción Oficial en el Ayuntamiento.
17,— h. Exámenes —Grupo Esperantista—.
20,— h. Conferencia en español —Caja de Ahorros Provincial—.

*Día 21*

Excursión de todo el día a Salamanca, con fiesta Campera —Salida Grupo Esperantista—.

*Día 22*

9,— h. Visita a fábricas —Posiblemente: Helios, Uña y Cruz Blanca—.
17,— h. Junta General de la Federación Española de Esperanto.
20,— h. Solemne Clausura del Congreso —Sala Sindical—.
22,— h. Banquete Oficial en el Hotel Olid Meliá.

*Día 23*

Excursión de postcongreso, "Ruta Juan de Austria".

---

Para más informes e inscripciones, dirigirse a:
XXXIV Congreso Español de Esperanto. Dos de Mayo, 4. VALLADOLID.

TIP. C. BOLOIX · REINA FABIOLA, 7 · ZARAGOZA

D. L. Z. - 375 - 63